


*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*

(«Os Lusiadas». Kanto III^a^, XVII.)

CAMOENS

**6a jaro** **Majo 1936** **N-ro 59**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA
CHINCHILLA, N.° 2

*Redakcio kaj Administracio:*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

*Los giros a* D. BENITO ANGUIANO, *Paseo de Extremadura*, 74.

## Kion mi faros dum la nuna monato?

— *Peti specimenon de la «Gvidfolio de Manĉukuo» (adreso sur la paĝo 13^a^ de la aprila numero), kiel propagandilo en mia rondo.*

— *Peti senpagan specimenon de «Scienca Gazeto» (556 Strate Str. Madison. Wis. U. S. A.). Ĝi multe plibonigis kaj eble mi abonos ĝin.*

— *Kvankam pro mia malakurateco mi ne rajtas premion de frupaginto, mi devas aliĝi al XI^a^ Kongreso.*

# RESUMEN DEL ACTA LXXV DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la reunión celebrada el 13 de abril de 1936, se tomaron por unanimidad los siguientes acuerdos:

1.° Aprobar el acta de la sesión anterior.

2.° Darse por enterada la Junta del resultado de la votación relativa a los dos proyectos de organización de U. E. A., que se examinaron en la sesión del 14 de marzo último (acta número LXXIII). Ha triunfado, por tanto, el segundo de los proyectos mencionados, y la capitalidad de U. E. A. queda fijada en Londres.

3.° Aprobar el despacho ordinario de Secretaría.

El secretario, *Fernando Redondo.*

---

## La XI^a Hispana Esperanto Kongreso

Sur la marta numero de *Naŭa kvartalo* ni legas la jenan artikoleton:

«*Nia neŝanĝebla pozo.*—Ĉirkaŭe de la XI^a Hispana Esperanta Kongreso okazonta en Barcelono, kaj de la XVIII^a Kataluna Esperanta Kongreso okazonta en Manresa, pro datkoincido en ambaŭ kongresoj —koincido ne plu ekzistanta—kreiĝis streĉado inter ambaŭ esperantaj organizaĵoj.

Per tiu ĉi artikoleto, neniel ni volas ofendi iun, sed starigi nian neŝanĝeblan pozon rilate tiujn kongresojn ĉar tion oni demandis al ni ambaŭflanke.

Kiel esperantistoj ni certe bedaŭras ke okazu malpacoj kaj disputoj inter esperantistoj mem, afero sufiĉe nelogika laŭ la celo de Esperanto; pro tio ni situas al ni neŭtrale ĉar niajn klopodojn ni direktigas al plena sukceso de Esperanto ne al sukceso de ia ajn organizaĵo.

Fervore ni ĉiam kunlaboros ĉiujn esperantistajn festojn, okazontaj en— kaj eksterlande, sekve ni laŭpove partoprenos ambaŭ kongresojn ĉar tio estas nia devo.

Decas fari jenan demandon: Ĉar la dato de la Hispana kongreso estas ŝanĝita, kial oni protestas pro la okazigo de la Kongreso en nia urbo?

Ni asertas, ke ju pli de kongresoj okazos en nia lando des pli bone ĝi estos por Esperanto. Ĉu tio estas neebla?

Esperanto estas per si mem Frateco, Paco kaj Amo, almenaŭ

laŭniaj diroj, do, kie restas tia celo se nia agado estas kontraŭa al nia propagando?

Pro la bono de Esperanto, ni petas amikigon reciprokan!

Nome de la Esperanta Grupo Universala Frateco=*La Komitato.*»

Ni dankas tiajn neŭtralajn kaj amikajn vortojn.

---

—o— **AVISO** —o—

*El próximo número de junio se publicará en los últimos días de mayo, con objeto de que los congresistas puedan recibirlo antes de marchar a Barcelona.*

---

## Al la samcelanoj en Svisujo, Francujo, Hispanujo, Nordafriko kaj Italujo!

Kiel jam ofte, mi intencas ankaŭ dum mia venonta libertempo migradi per motorciklo kun tendo, portante la signon de la verda stelo. Nia stelo en ĉiuj landoj beligis miajn veturadojn solecajn, ebligis al mi en mallonga tempo studi popolon kaj landon.

En tiu jaro mi, kiel kunlaboranto de «Verda Revuo», volas montri per mia vojaĝo la grandegan signifon de nia lingvo—vizitonte grupon post grupo, estante por kelkaj horoj en rondo de verdaj amikoj kaj tiamaniere kolektante impresojn kaj spertojn, kiuj plivalorigos mian vojaĝon, pri kiu mi raportos en VR.

Tra Svisujo, Francujo, Hispanujo, Portugalujo, Nordafriko kaj Italujo mi migrados; Insbruck, Zürich, Lyon, Barcelona, Madrid, Zaragoza, Lisabon, Granada, Marokko, Algier, Marseille kaj Venezia mi vizitos.

Kion mi nun atendas de la diversaj societoj, kiujn mi (eble kun iu akompanulo) vizitos:

ke ni povu esti kelkajn horojn en verda societo;

ke oni faru al ni planon, kiu ebligas, sufiĉe bone ekkoni la urbon preter-pasantan;

ke oni ebligu al ni, fotografi esperantajn grupojn, hom-tipojn ktp.;

ke oni informu nin pri kutimoj kaj moroj de la popolo, montru al ni, kiel la homoj vivas, laboras, loĝas; ebligu al ni—se estas okazo—partoprenon en popolaj festoj.

Rekompence mi volonte faros al la s-anoj mallongan paroladon pri

miaj vojaĝoj, precipe pri mia lasta al Finnlando, al la Polusa Maro, al Hammerfest, ktp.

Mi povos restadi en malgrandaj urboj nur kvin aŭ ses horojn, en granda urbo unu aŭ du tagojn.

Mi sendos de ĉi tiu letero apartan kopion al iu samideano en ĉiu urbo, kie mi intencas restadi. Treege mi ĝojus, se mi jam nun ricevus respondon, ĉu oni dezirus mian viziton, ĉu oni eble ankaŭ dezirus paroladon, eble ankaŭ vidi lumbildojn pri miaj vojaĝoj.

La 6-an de julio mi komencos mian veturadon. Kelkajn tagojn antaŭe mi sendos la definitivan anoncon de mia alveno.

Korajn salutojn

ALOIS SCHNEIDER, ĉeflernejestro,
Hohenberg, Aŭstrio.

---

**PRI LA KALENDARO**

## Maniero kalkuli la daton de la nefiksaj festoj

Kalkulinte la daton de la Pasko, estas tre facile kalkuli tiujn de la ceteraj nefiksaj festoj.

*Sep* semajnoj antaŭ la Pasko, estas *grasa dimanĉo,* kaj la sekvanta merkredo, *cindra merkredo.* La dimanĉoj ĝis la Pasko estas nomataj: la unua, *estimihi* (grasa dimanĉo); la dua, *invocavit*; la tria, *reminiscere*; la kvara, *oculi*; la kvina, *letare*; la sesa, *judica*; la sepa, *palma dimanĉo*; kaj la oka estas la Pasko.

*Sep* semajnoj post la Pasko estas *Pentekosto.* Dek tagoj antaŭe, *ĉieliro* (ĉiam ĵaŭde), kaj dekunu tagoj poste, la *kristkorpa festo* (ĉiam ĵaŭde). La dimanĉoj post la Pasko estas: la unua, *quasimodo geniti*; la dua, *miserere*; la tria, *jubilate*; la kvara, *cantate*; la kvina, *rogate*; la sesa, *exaudi*; la sepa, *Pentekosto,* kaj la oka, *triunuo.*

Por la esperantistoj Pentekosto havas specialan intereson, ĉar dum ĝi multaj landaj esperantaj kongresoj okazas. Oni ja scias ke Pentekosto estas kristana festo rememorigante la alvenon de la Sankta Spirito ĉe la Apostolojn, dank' al kio, la Apostoloj dum siaj predikoj estis komprenataj de ĉiuj gentoj, kia ajn estu la lingvoj parolataj de ĉi-tiuj.

---

—Ĉu vi helpis la feminismon por trafi la sendependon de la virino?
—Jes.
—Kion vi faris?
—Mi restas fraŭlo.

## RADIO-ESPERANTO — 1ª-16ª de majo

Jen resumo de la radioprogramo por la unua duono de majo. Horo, laŭ okcidenteŭropa tempo ne atentante la someran ŝanĝon, ĉar ĝi ne estas akceptata en Hispanujo.

Mallongigoj: m. = *metroj* de ondolongo; t. = *tago* aŭ *tagoj*; h. = *horo*.

*Brno* (325 m.); t. 2ª, 6ª, 9ª, 13ª, 16ª; h. 17'30-17'45. Kurso por komencantoj.—t. 6ª; h. 21'15-21'30. Esperanta horeto: «Reĝo de alumetoj».

Radio *Courtrai* (214 m.); t. 3ª, 10ª; h. 8-8'15. Esperanta kroniko.

C. T. 3. A. Q.—*Funchal* (insulo Madeira) (75 m.); t. 2ª, 5ª, 7ª, 9ª, 12ª, 14ª, 16ª; h. 20. Informoj pri esperanta movado.

*Hildersum*.—I. VARA (301 m.); t. 9ª; h. 16'10. La espero. Parolado pri aktuala temo.

*Hildersum*.—II. KRO. (1875 m.); t. 2ª, 16ª; h. 17'10-17'25. Esperantistaj komunikoj.—t. 5ª, 12ª; h. 18'20-18'40. Kurso kaj rakonto.

*Hildersum*.—II. N. C. R. V. (1875 m.); t. 3ª; h. 22'40-23'10. Prelego «La provinco Norda Brabanto» (kulturo kaj ekonomio).

*Leningrado* (1224 m.); t. 3ª; h. 21'20-22'20. Esperanta Radio Bulteno.—t. 6ª, 8ª, 10ª, 13ª; h. 21'50-22'30. Parolado.

*Lille* (247 m.); t. 3ª, 10ª; h. 8-8'15. Esperanta duonhoro.

Radio *Lyon* (215 m.); t. 4ª, 11ª; h. 17'30-17'45. Elementa kurso.

*Lyon-la-Dona* (463 m.); t. 2ª; h. 19'05-19'15. «Al blinduloj». Kroniko.—t. 16ª; sama h. Novaĵoj.

*Nice-Cannes* (240 m.); t. 1ª, 8ª, 15ª; h. 17'15-17'30. Kurso kaj babilado.

*M. Ostrova* (269 m.); t. 5ª; h. 17'10-17'15; «La kontraŭtuberkuloza ligo de Masaryk».—t. 12ª; sama h. «La unuaj cent gramoj de ĉeĥa radiumo».

*Paris P. T. T.* (431 m.); t. 6ª, 13ª; h. 13-13'20. Elementa kurso.

P. R. F. 5. *Rio de Janeiro* (31'58 m.); t. 5ª, 12ª; h. 22'20-23'00. Oficialaj ekonomiaj informoj kaj kantoj en Esperanto.

Radio *Roma* (420 m.); t. 2ª, 9ª, 16ª; h. 18'05-18'25. Parolado pri turismo.

*Sottens* (443 m.); t. 4ª, 11ª; h. 17'30-17'40. Kurso kaj informoj.

*Stockholm* (426 m.); t. 10ª; h. 8-8'15. «La origino kaj la verkado de Esperanto» (svede kaj esperantlingve).

*Tallinn* (410 m.); t. 5ª, 12ª; h. 19-19'10. Informoj pri Estonio kaj esperanta movado.

*Vieno* (506 m.); t. 6ª, 13ª; h. 17'30-17'50. Kurso.—h. 17'50-18'00. Informoj pri la XXVIIIª kongreso.—t. 8ª; h. 21'40-21'55. «La kongresvojaĝo tra Aŭstrio».

Radio *Wallona* (201 m.); t. 3ª; h. 14-14'25. Esperanta kroniko.

---

## INTERNACIA KONFERENCO POR LA PACO

Okazis en Bruselo la 29-an de februaro kaj la 1-an de marto internacia konferenco de la junularo por la paco, kie estis reprezentataj 12 milionoj da junuloj el 23 landoj.

Oni adoptis gravajn rezoluciojn por la paco kaj kontraŭ la milito, sed al ni pli interesas la jenan parolon de la delegitaro, kiu reprezentis la francan kaj la belgan esperantistaron:

«Samideanoj en la tuta mondo! Ni ĉeestis tutmondan konferencon de junularo por la paco. Ni kunportis de tie la fortegan impreson, ke *la tutmonda junularo* urĝe *bezonas* nian kaj *vian helpon*!

Malgraŭ la klopodegoj de la organizantoj, kiuj eĉ multrilate produktis admirindajn rezultojn, la prezidantaro de la konferenco ne sukcesis forigi ian malgajan impreson de lingva malfacileco.

Jen denove grava fakto, montrante ke necesas ŝanĝo en la sistemo de internaciaj kongresoj.

Ni aŭdis parolantojn, kiuj parolis kun pli aŭ malpli da sukceso en lingvo, kiu apartenas al alia popolo. Ni aŭdis la tradukantojn oficiale plendi, ĉar estis neeble, sekvi la paroladojn. Ni aŭdis eĉ *tradukojn, kiuj diris la malon de la vera teksto*!

Multe oni parolis pri neŭtraleco. Ĉu estas neŭtrale, ke delegitoj, kiuj reprezentas milionojn da Balkananoj, devas paroli germane aŭ france? Ĉu estas neŭtrale, ke oni nur tradukas en 4 naciajn lingvojn, dum ĉeestas reprezentantoj de milionoj da junuloj, por kiuj tiuj 4 lingvoj estas nekompreneblaj?

TIO ESTAS BEDAŬRINDA MALJUSTECO, NE INDA JE MODERNA JUNULARO! Tamen ni tutkore pardonas tian maljustecon al la organizantoj de la konferenco. Ili ankoraŭ nenion sciis pri la kvalitoj de nia lingvo, kaj estis ja ILI MEM, kiuj PERDIS MULTE DA ALTVALORA TEMPO kaj ŝarĝiĝis per multe da NENECESA LABORO.

SED NI NE DORMIS! Ni proponis al la konferenco la jenan rezolucion:

LA INTERNACIA KONFERENCO DE LA JUNULARO POR LA PACO, =Konsiderante, ke la lingvaj baroj estas la plej grava malhelpo, kontraŭinte alproksimiĝon de la popoloj, ĉar por bone interkonsenti estas nepre necese, sin bone interkompreni; =Konsiderante, ke elekto de iu-ajn nacia lingvo kiel universala lingvo kontraŭus la pacan bonon de la popoloj; =Konsiderante, ke Esperanto, utiligata en la tuta mondo kaj ĝuante la apogon de ŝtatestraroj kaj de ekonomiaj, turistaj kaj teknikaj organizoj, enhavas pro sia nuna disvastigo la karakteron de universaleco, necesan por internacia lingvo,

*Kore invitas* la en la konferenco kunigitajn asociojn organizi por siaj anoj esperanto-kursojn. *Kaj decidas*, ke Esperanto estos uzata kune kun la aliaj naciaj lingvoj kaj kiel sola traduklingvo en la kunvenoj de la junularo, organizotaj de la konferenco.

Ne estis nia kulpo, ke la konferenco ne havis la tempon voĉdoni pri tiu rezolucio, kiu cetere estis vigle aprobata de multnombraj delegitaroj, al kiuj ni montris ĝin.

*Ni ĉiuj havas nun la altan taskon daŭrigi nun tiun klopodadon.* De la 31ª de aŭgusto ĝis la 7ª de septembro de 1936ª okazos en Ĝenevo *tutmonda junulara kongreso* (46, route de Ferney, Genève), organizata de S-ro Prof. Fisser. Tiu kongreso akceptis ĝis nun la anglan kaj francan kiel oficialajn lingvojn. Jam oni proponis la akcepton de germana kaj rusa lingvoj.

Samideanoj! Klopodu por ke tiu kuriero aperu en Esperanto! Nia sukceso jam estis granda! Nia dumkonferenca tradukoficejo multe utilis al delegitaroj kaj eĉ devis retraduki dokumenton, kies originala teksto ne estis trovebla.

Ni havis malgrandan, sed tre favore lokigitan ekspozicion, kiu estis multe rimarkata. Ni eĉ unufoje havis la okazon publike pledi nian kaŭzon. *Ni daŭrigu la klopodon en la tuta mondo, kaj la sukceso de nia lingvo faros gravan paŝon antaŭen!*

Por la esperantista delegitaro en la Internacia Konferenco de la Junularo por la Paco

JÜRGEN JACOBSOHN

(Rimarko de H. E.-G.—Ni petas al hea'anoj publikigi tradukon de tiu-ĉi artikolo, almenaŭ resume, sur la nacia gazetaro kaj sendi po du ekzemplerojn de la koncernaj gazetoj al Esperantista Brusela Grupo, 4, Grand-Place, Bruxelles, Belgujo).

# TROMPITA AMO...

Ĉion diris vi mem... Kial vi ridis?
Ankoraŭ ĉe la kor' sufer' ne ĉesis,
ĉar mi forflugon per sopir' permesis
de mia amorev'... Ĝin vi perfidis!

Plenfloras la ĝarden'... Ĉio silentas
eĉ la arbar' dum nokt'... Vi ŝajne revas
je milda mort' per kisoj!... Ĉu ne krevas
ankoraŭ mia kor'?... Vi kial pentas?

Laŭ via dir' mi restas... Vi min amas!
kaj pruve jen brulkis'... Eĉ mi vin kredas,
sed... permesu... Mi ridas, ĉarmulin'...!

Denove pro forlas', kor' via flamas,
feliĉon ĝi promesas... Mi ne cedas
ĉar pensas... Dum ĉi nokt' ŝi trompis min!

FRANCISKO LLORENS MARTINEZ

Catarroja.

## EL ESPERANTISTA GAZETARO

**La militŝipara konferenco.**—Ĉe la Militŝipara Konferenco nur la francoj uzas la lingvon, kiu antaŭe estis la sola diplomatia lingvo. La ceteraj pravigas la pretendon de la angla, esti mondlingvo.

S-ro Grandi aŭdigas tre malfortan fremdan nuancon, dum S-ro Norman Davis havas la puran parolmanieron de Tennessee. Admiralo Nagano tiel timeme uzas la anglajn vokalojn, ke oni malfacile sekvas lian parolon.

Dulingva S-ro te Water malkaŝas, ke la nederlanda estas lia gepatra lingvo, konfuzante «would» kaj «should»—punkto, pri kiu eĉ irlandanoj montras necertecon.

S-ro Baldwin donas perfektan ekzemplon de «Angluja» angla lingvo. Tiu de S-ro Bruce estas tiu «Imperia» angla lingvo, kiun S-ro Harold Nicholson lastatempe klasigis inter la dek akceptataj tipoj de angla parolmaniero.

(El «European Herald», seslingva gazeto de Londono).

Do, oni vidas ree ke angla lingvo (kiel alia ajn nacia lingvo) ne estas bona ilo por tutmonda interkompreniĝo.

Disfalinta, detruita konstruaĵo, *ruino*. Restaĵoj de ruino, *ruboj*. Forigi la rubojn, *elrubigi*.

**Vojo.**—Vasta libera loko en urbo, ĉirkaŭata de konstruaĵoj, *placo*. V. en urbo kun vico de domoj ĉe ĉiu flanko, *strato*. Larĝa strato borderita ambaŭflanke per arboj, *bulvardo*. Bulvardo kun perspektivo al monumento aŭ pejzaĝo, *avenuo, aleo*. V. ordinare bitumita aŭ kovrita per ŝtonplatoj ĉe ambaŭflankoj de strato, *trotuaro*. Speco de tegmento, kiu elstaras el domo super la strato, *markezo*.

Ŝtona, ligna, k. c., kovraĵo de strato, *pavimo*. Terpeĉo uzata precipe en miksaĵo kun dika sablo por pavimi stratojn, vojetojn, *asfalto*. Tavolo el rompitaj ŝtonetoj cimentitaj per ŝlimo, per kiu oni pavimas vojon, *makadamo*. Larĝa plata maldika ŝtono uzata por pavimi trotuarojn, *platŝtono*. (Vidu «XXIV.—Resto. Movo»).

**Domo.**—Loko kie oni vivas konstante, kie oni estas ĉe si, *hejmo*. Resti konstante en unu loko, *loĝi*. Loko, kie oni havas siajn ĉefaferojn kaj kiu estas la kutima laŭleĝa restadejo, *domicilo*. Preciza difinita loĝloko de persono, *adreso*. Oficiala dokumento certigenta al ĝia posedanto la rajton loĝi en la loko, *pasporto*. Posedanto, ĉefo de loĝejo, *mastro*.

Konstruaĵo por loĝi, *domo*. Granda luksa d., loĝejo de riĉulo, *palaco*. Kampa domo, somerdomo, *vilao*. Surfosta d., konstruata kutime super akvo aŭ marĉo, *palafito*. Simpla dometo de la kamparano, sur la montoj, *kabano*. Subtera kavo, kie loĝis niaj antaŭuloj, *kaverno*. Artefarita kaverno, *groto*. Palaco de la turka sultano, *serajlo*. Simpla provizora konstruaĵo por soldatoj, laboristoj aŭ malsanuloj, *barako*. Nezorge farita simpla konstruaĵo el tabuloj, *budo*. Ŝirmilo kontraŭ pluvo, neĝo, malvarmo, konsistanta el parioj el dika tolo fiksitaj sur stangoj, *tendo*. Aro da tendoj, sub kiuj sin ŝirmas armeo, gento, *tendaro*. Malpeza malgranda konstruaĵo izolita, ĝenerale kvadrata similanta tendon, *pavilono*. Ĝardena paviloneto, *kiosko*. Ĝardena konstruaĵeto el arbedoj, por formi ombran ejon, *laŭbo*. Konstruaĵo servanta kiel loĝejo por ĉevaloj, *ĉevalejo*; por brutoj, *stalo*. Portebla aŭ fiksa loĝejo el feraj stangoj kaj kradoj, por enteni sovaĝajn bestojn, *kaĝo*. Portebla loĝejeto el metalfadenoj aŭ lignaj vergetoj por malgrandaj bestoj, ordinare birdoj, *kaĝo*.

Meblita d., kie la vojaĝantoj loĝas kaj plejofte ankaŭ manĝas, *hotelo*. Posedanto de hotelo, hotelisto, *mastro*; loĝanto, *gasto*. Konstruaĵoj religiaj (V. «XL.—Religio»), militistaj (V. «XLVII.—Milito»), por amuzo (V. «XLVI.—Teatro. Ludo. Amuzoj»), por montri artaĵojn (V. «XLI.—Arto»), por ricevi instruon (V. «XXXII.—Instruo»), por kuracaj celoj (V. «XXI.—Kuracarto», p. 108).

Tre alta malvasta konstruaĵo, *turo*. Turo memstara aŭ surstaranta konstruo, kaj en kiu oni lokas sonorilojn aŭ horloĝon, *kampanilo*. Urba turo kun sonorilojn por vigli kaj averti danĝeron, *urbturo, belfrido*. Turo kun lanterno por lumigi la maron, *lumturo*. Turo de moskeo, *minareto*.

Nombro, kiu montras la vicon de d. inter aliaj d-j. de la sama strato aŭ placo, *numero*. Samnivela parto de d., *etaĝo*. Etaĝo sur la sama nivelo de la strato, *partero, teretaĝo*; inter la teretaĝo kaj la unua etaĝo, *interetaĝo*. Ĉiu parto de loĝejo apartigita de la aliaj per muroj, *ĉambro*. Granda luksa loĝejo, *apartamento*. Aparta loĝejo por la virinoj (edzino, patrino, filinoj, k. c.) ĉe sultana palaco, *haremo*; ĉe la antikvaj grekoj, *gineceo*.

Libera spaco de muro por eniri kaj eliri tra ĝi, *pordo*. Loko, kies eliron estas malfacile trovi, *labirinto*. Turnebla tabularo aŭ krado por malhelpi trairon tra la pordo, *pordo*. Riĉe ornamita ĉefa pordo de templo, de palaco, *portalo*. Malfermo perforte farita en muro, palisaro, *breĉo*. Kaŭzi ke ne estu eniro, *fermi*. Risorta ilo por fermi pordon, *seruro*. Fermi per seruro, *ŝlosi*. Ilo por ŝlosi aŭ malŝlosi seruron, *ŝlosilo*. Parto de la seruro, kiu elstaras en la kadron kiam oni ŝlosas, *serurriglilo*. Fermi per fera peco movebla inter du krampoj, *rigli*. Fermilo konsistanta el levebla levilo por pordoj, *klinko*. Perfekte, nepenetreble fermita, *hermetika*.

Malfermaĵo en muro por lumo kaj aero, *fenestro*. Krado, ĝenerale garnita per kristaloj por fermi fenestron, *fenestro*. Fenestreto en tegmento aŭ plafono, *luko*. Ĉe fenestro aŭ pordo, ligna aŭ metala peco ĉirkaŭante ĝin, *fenestrokadro, pordokadro*. Transversa ŝtono aŭ trabo ĉe la bazo (nur ĉe malfermo de pordo), *sojlo*; ĉe la supro, *suprosojlo, lintelo*. Elstaranta ŝtono, kiu kronas la vertikalajn flankojn de pordo, *impoŝto*. Parto de pordo aŭ fenestro movebla ĉirkaŭ ĉarniroj, *pordoklapo, fenestroklapo*. Malgranda arkaĵo aŭ volbo farita post fenestro aŭ pordo por faciligi la turniĝon de la klapo, *postarkaĵo, postvolbeto*. Pordo provizita per fenestro, *fenestropordo*. Ĉe fenestro, vertikalaj kaj horizontalaj fostoj (*fenestrofostoj*) disigas ĝin el fakoj kaj formas krucojn (*fenestrokrucetoj*). Aĵura objekto foje metala ĉe fenestro, *ĵaluzio*. Fenestreto en muro aŭ en pordo, tra kiu oni povas paroli al iu aŭ pasigi ion al ĝi, *giĉeto*. Turnebla peceto por fiksi kadron de fenestro en malferma stato, *fiksilo*.

Ekstera horizontala ebeno de tabuloj, ŝtonplatoj, ĉe la superaj etaĝoj ĉirkaŭita de balustrado kaj komuniĝanta kun la interno de d., *balkono*. Vasta balkono sur masonaĵo aŭ sur kolonoj, *teraso*. Subportilo, ordinare ornamita por subteni balkonon, *konzolo*. Konstruaĵeto fiksita

kontraŭ konstruaĵo kaj elstaranta el tiu-ĉi super la tero, *korbelo*. Kovrita kaj vitrita teraso aŭ balkonego, *verando*.

Ĉiu el la ŝtonoj aŭ traboj transversaj metitaj unu post kaj super alia por supreniri aŭ male, *ŝtupo*. Balustrado laŭlonge de ŝtuparo, *apogilo*. Ekstera larĝa ŝtuparo el kelkaj ŝtupoj, *perono*. Levilo por personoj kaj iliaj pakaĵoj, *homlevilo, lifto*.

Parto de ĉambro plej malproksima de la eniro, *fundo*. Malsupra parto sur kiu oni paŝas, *planko*. Horizontala aŭ kurba surfaco kontraŭ la planko, *plafono*. Ornamaĵo inter muro kaj plafono, *kornico*. Arka plafono konstruita per ŝtonoj speciale aranĝitaj por ke ili fiksiĝu per sia propra pezo, *volbo*. Speciala ĉarpentaĵo konstruita por modli arkaĵon aŭ volbon, *arkaĵmodlilo*. Ĉarpentaĵo por subteni la ŝtonojn dum konstruaĵo de volbo, *volbarmaturo*. Ĉiu el la ŝtonoj el speciala formo, per kiuj oni formas volbon, *volbŝtono*.

Planko konsistanta el simetrie kunmetitaj tabuletoj, *pargeto*. Longa tabulo mallarĝa maldika laŭlonge de la bazo de ĉambra muro, *plinto*. Papero, teksaĵo, ledo, per kiu oni kovras la murojn de ĉambro, *tapeto*. Kavaĵo en muro por statuo aŭ lito, *niĉo*.

Supra parto de konstruaĵo, *tegmento*. Duongloba parto de tegmento, *kupolo*. Ronda konstruaĵo kun kupolo, *rotondo*. Tegmento, kies unu flanko estas multe pli klinita ol la alia, *duontegmento*. La plej alta konveksa supro de tegmento, *firsto*. Ebena tegmento kun balustrado, *teraso*. Trabo al kiu estas fiksitaj la tabuloj de tegmento, *ĉevrono*. Ĉarpentaĵo, kiu subtenas la tegmenton, *subtegmento*. Plata maldika briko por kovri la tegmenton, *tegolo*. Ligna tegolo, *ŝindo*. Pajlo de cerealo per kiu oni faras la tegmenton de kampara dometo, *stoplo*. Duontubo kiu akceptas la pluvan akvon de tegmento por ĝin porti en forkondukan kanalon aŭ tubon, *defluilo*. Ŝtona elfluejo ofte figuranta vomantan groteskan beston aŭ homan vizaĝon, el kiu la akvoj de tegmento falas eksteren, distance de la muroj, *gargojlo*. Anguloj ofte ornamitaj, kiuj antikvuloj uzis en konstruo de tegmento por kaŝi malbonaĵon de la tegolaro, *antefikso*.

Unua ĉambro de loĝejo ĉe la enirpordo, ordinare sen fenestroj, kie oni demetas kaj lasas la ĉapelon, ombrelon, k. c., *antaŭĉambro*. Parto de loĝejo tra kiu oni eniras ekstere internen, *vestiblo*. la kolonara vestiblo de antikvaj temploj kaj de la akropolo de Ateno, *propileo*. Trairejo kuniganta ĉambrojn de la sama loĝejo, *koridoro*. Ĉambro destinita al intelekta laboro, *kabineto*. Enĉambra apartaĵo por lito, iafoje fermebla per pordo aŭ kurtenoj, *alkovo*. Ĉambro por kuiri, *kuirejo*; por manĝi, *manĝejo*; por fiziologiaj necesoj, *necesejo*; por dormi, *dormejo*. Parto de ĉambro kie oni aranĝis por hejtado, kuirado aŭ aliaj

celoj masonitajn aŭ metalajn fajrujon kaj fumtubon, *komeno*. Ŝirmilo, kiun oni starigos antaŭ la kameno por malhelpi, ke la brulanta karbo falu sur la plankon, *fendro*. Fajrujo por hejti ĉambron aŭ kuiri manĝaĵon, *forno*. Masonita tegmenteto super la fajrujo, kun formo de renversita funelo, servanta kiel enirejo al la fumtuboj, *kamenkapuĉo*. Eleganta ĉambro, ordinare por akcepti vizitantojn, *salono*. Longa mallarĝa salono kun kolonoj, *galerio*. Spaco supre libera, ĉirkaŭita de konstruaĵo, *korto*. Galerio ĉirkaŭanta korton, *peristilo*. Galerio malfermita de unu flanko kun tegmento sur kolonoj, *portiko*. Ĉambro por konservado de libroj, *biblioteko*. Subtera spaco, en kiu oni konservas vinon, nutraĵon, *kelo*. Subtegmenta ĉambro, *mansardo, subtegmento*. Senfenestra ĉambro, *kamero*. Speco de tegmento, kiu elstaras el domo super la korto, *markezo*. Ĉirkaŭbarita spaco antaŭ konstruaĵo, *korto*. Antaŭa parto de konstruaĵo, *fasado, fronto*. Ĉiu ekstrema flanko de konstruaĵo, *alo*.

**Mebloj.**—Movebla objekto por praktika uzo en ĉambro, *meblo*. Ligno plej uzata por fari meblojn estas tiu de *fago, juglando, kaŝtanarbo, pino, kano, kverko, poplo, karpeno, ĉerizarbo, ebono*, k. a.

Tabulo apogita ĉe la ekstremoj, por sidi kun loko por kelkaj personoj, *benko*; nur por unu, *seĝo*. Apogbenko, *kanapo*. Kanapo kun dikaj kusenoj kaj apogflankoj, *sofo*. Turka sofo, *divano*. Kovri seĝon, kanapon per kusenoj el haregoj aŭ risortoj por fari ĝin pli komforta, *remburi*. Seĝo sen apogdorso nek apogflankoj, *tabureto*; kun ambaŭ specoj de apogoj, *brakseĝo, fotelo*; kun apogo por la piedoj, *skabelo*. Seĝo en kiu oni povas sin balanci, *lulseĝo*. Seĝo de la reĝoj por solenaj okazoj, *trono*.

M. konsistanta el plato sur unu aŭ kelkaj piedoj, ordinare sur kvar, *tablo*. Tablo por skribi, por manĝi, por loki apud la lito, *skribotablo, manĝotablo, noktotablo*. Speco de tableto, ordinare apogita kontraŭ la muro, *konzolo*. Horizontala tabulo sur kiu oni metas diversajn objektojn, *breto*.

Ujo ĝenerale ligna kvarangula, *kesto*. Ujeto kun maldikaj parioj el kartono, ledo, metalo, k. c., *skatolo*. Portebla ujo el salikaj vergetoj, junkaj trunketoj, pajlo, k. c., *korbo*. Fermebla vojaĝa kesto, *kofro*. Leda manportebla kofro, *valizo*. Kunmeti objektojn en kofro, en valizo, *paki*. Ujo el du tolaj pecoj kunkudritaj malsupre kaj flanke, kaj liberaj supre, *sako*.

Tirebla kesto de tablo aŭ alia m., *tirkesto*. M. konsistanta el kelkaj tirkestoj unu super alia, *komodo*. Alta m. kun unu aŭ du pordoj, tirkestoj, hokoj, bretoj, k. c., por la tolaĵo aŭ vestoj, *ŝranko*. Ŝranko kun bretoj por la libroj, *biblioteko*. Elmontra vitroŝranko, *vitrino*.

Mebleto konsistanta el kelkaj bretoj unu super alia, kaj pendanta ĉe la muro, *etaĝero*.

M-j. por dormi, vidu «dormon» sur paĝo 106ª.

Manportebla ujo por enteni fluidaĵojn, *vazo*. Plej malalta parto de vazo, *fundo*. Rondforma vazo kun movebla tenilo, *sitelo*. Vitra vazo sferforma, *balono*. Vazo malprofunda kaj larĝa, *pelvo*. Granda vazo por diversaj hejmaj uzoj, *kuvo*; por bani, *bankuvo*; por lavi, *lavkuvo, lavpelvo*. Granda pelvo, *baseno*. Ujo plejofte vitra, uzata por kovri diversajn objektojn, *kloŝo*. Ujo supre larĝa kaj mallarĝiĝante en tubon por transversi fluidaĵon, *funelo*. Objektoj por helpi manĝado kaj trinkado, vidu «ilojn» sur la paĝo 99.

Sako plenigita per molaj objektoj (anseraj plumoj, haregoj, k. c.), *kuseno*; oni kovras (tio estas, oni *tegas*) ĝin de ĉiuj flankoj per sakforma tuko. Kuseno por la piedoj, *piedkuseno*; por la lito, ĉe la kapo, *kapkuseno*; ĉe la korpo, *litkuseno*. Tuko por ŝirmi sin kontraŭ la moskitoj, *moskitotuko*. Teksita brodita tuko por kovri la plankon, *tapiŝo*. Vulgara kovraĵo de la planko, el plektita pajlo, junko, basto, *mato*. Pendanta tuko por ŝirmi kontraŭ la lumo, por kaŝi ion, *kurteno*. Kurteno konsistanta el paralelaj lignaj tabuletoj, *persieno* (*ĵaluzio*, laŭ Verax). Akrepinta maldika peco, kiun oni fiksas sur muron por pendigi el ĝi objekton, *najlo*. Kurbigita najlo, *hoko*. Pendigi je najlo, je hoko, *kroĉi*. Ringo per kiu pendanta objekto (portreto, pentraĵeto, poŝhorloĝo) estas alkroĉita, *pendringo*. Movebla bazo apartigebla de ia subportata objekto, *postamento*.

**Ornamo.** — Malgranda luksa objekto por o. de loĝejo, kiel statuetoj, speguloj, k. s., *galanterio*. O. de mebloj: en formo de ronda peniko, *kvasto*; konsistanta el teksaĵo aŭ plektaĵo el ora, silka fadeno, *pasamento*; el dense kunmetitaj mallongaj fadenoj libere pendanta de la rando de meblo, *fraĝo*. Maldika folio el bela ligno, per kiu oni surkovras meblon el vulgara ligno, *lignolado*. Kamenhorloĝo, kandelingoj kaj aliaj ornamiloj de kamena breto, *garnituro*. Plato el glaco, per kiu oni provizas luksajn fenestrojn, meblojn, k. c., *glacoplato*. Porcelana arta objekto ne glazurita nek polurita, *biskvito*. Peco de kolora ŝtofo sur bastono por ornami balkonon dum solenaj festaj tagoj, *flago*.

Artistaj ornamaĵoj de domo, de ĝardeno, *dekoracio*.

**Arĥitekturo.**—Belarto pri la konstruado, *arĥitekturo*. Homo, kiu profesie sin okupas, pri la konstruarto, kiel projektisto aŭ konstrudirektoro, *arĥitekturisto, arĥitekto*. Vertikale libere staranta ligna, ŝtona, fera subteno de parto de konstruaĵo, *kolono*. Kvadrata kolono

duone enigita en muro, kiel subteno aŭ ornamo, *pilastro*. Bazo de kolono, *piedestalo, soklo*. Spaco inter la aksoj de du apudaj kolonoj, *interkolonejo*. Kvadrata subportilo de la bazo de kolono, *plinto*. Skulptita plivastigita supro de kolono, *kapitelo*. Parto de kolono inter la bazo kaj la kapitelo, *fusto*. Spiralforma elstaraĵo, kiu ornamas kolonon, kvazaŭ tiu-ĉi estus tordita, *tordaĵo*. Supra parto de kapitelo, *abako*. Parto de konstruo, kiu apogiĝas sur la supro de kolonoj kaj ilin kunligas, *entablemento*. Ĝi konsistas el *arĥitravo* (malsupra parto), *friso* kaj *kornico*. Statuo servanta kiel kolono aŭ pilastro, *kariatido*. Subportilo, ordinare ornamita, fiksita sur muro por subteni kornicon, *konzolo*. La speco de greka kapitelo karakterizata de volutoj, *ionia*. La speco de antikva arĥitravo, *epistilo*.

Arkaĵo konsistanta el du arkoj formante angulon, *ogivo*. Arkaĵo sur kolonoj, *arkado*. Elstaranta ŝtono, kiu kronas la flankojn de arkado kaj portas la bazon de arko, *impoŝto*. Plifortigi per arkoj, *arkapogi*.

**Ornamaĵo.**—Triangula o. super la kornico de fronto, *frontono*. O., kiu estas koncentra al arko de arkado, *arkivolto*. O. konsistanta el aroj de arkadetoj elstarantaj el muro, aŭ formantaj mallarĝan galerion, *arkaturo*. O. konsistanta el unuforma elstara profilo garnituranta konstruon, *modluro*. Specoj de modluro: *streko* (kun triangula konkava profilo); *strio* (kun rektangula); *kanelaĵo* (kun duoncirkla); *astragalo* (kun duoncirkla konveksa); *listelo, cimatio, nervuro, panelo*, k. c. O., kiu finas vertikalan pinton, kaj iom similas floron, *finialo*. O. imitanta kunplektitaj branĉoj kaj folioj, laŭ la araba gusto, *arabesko*. O. konsistanta el foliaĵoj arigitaj simetrie en cirklo, *rozo*. En rozo, ĉiu el la partoj de la cirklo, kiu elstaras al la interno, *lobo*. O. spiralforma formita de sinsekvaj cirkleroj, *voluto*. Elstaranta parto, ĝenerale longa, kiu ornamas iajn arkitekturaĵojn, *foldo*. Ronda foldo ĉe la bazo de kolono, *toro, toruso*. O. listelforma, ronda aŭ plata, ortangule kurbigita, *freto*.

Elstaranta linio de arĥitekturaĵo, *ripo*.

**Monumentoj.**—Verko de la arkitekturo por transdoni al la posteuloj memoron pri granda homo, pri glora ago, *monumento*. Bazo de m., *piedestalo*. Placo ebena antaŭ m., *esplanado*. Konstruo rimarkinda pro sia antikveco aŭ pro sia beleco, k. c., *monumento*. Scienco pri la m-j. kaj artoj de la antikveco, *arkeologio*; scienculo, *arkeologo*. M. konsistanta el unu ŝtono, *monolito*. Prahistoria m., konsistanta el unu aŭ kelkaj grandaj ŝtonoj, *megalito*. Vertikala megalito unuŝtona, *menhiro*. Aro da menhiroj cirkle starantaj, *kromleko*. Speco de menhiro, sur kies supro estas ofte skulptita kruco, *leko*. Megalito konsistanta el

platŝtono sur aliaj ŝtonetoj, kiu ŝajnas altaro, *dolmeno*. Greka m. konsistanta el stara ŝtono sur kiu memorindaj skribaĵoj estas gravuritaj, *steleo*. Egipta m. en formo de kvarangula kolono kun piramideto en la supro, *obelisko*. Kelta m. korboforma, iom simila al dolmeneto, *cisto*. Maniero laŭ kiu m. estas konstruita, *konstrueco*. Dispono kaj proporcio de arkitekturaj elementoj, *ordo*. Grekaj arkitekturaj ordoj kun pilastroj, *atika*, aŭ kies kapitelo estas simpla abako, *dorika*; aŭ ĝi havas tipajn volutojn, *jonika*, aŭ ornamajn akantofoliojn, *korinta*. Dorika ordo estas plej antikva, kaj en ĝi, la kolono estas sen baza modluro. Ordo de la renesanca epoko miksanta jonikan kaj korintan ordojn, *komposita*. Ordo karakterizata per akrepintaj arkaĵoj (12ª-16ª jarcentoj), *gotika*; per fenestraj retaĵoj similantaj flamojn, *flamforma*; per strangaj neregulaj distorditaj linioj kaj tro da ornamo (17ª jarcento), *baroko*. Franca varianto de la baroka ordo (18ª jarcento) karakterizata per kapricaj volutoj kaj densaj delikataj ornamaĵoj, *rokoko*.

## XXIV. — RESTO. MOVO. KOMUNIKAĴOJ

**Resto.**—Maniero laŭ kiu io okupas lokon rilate al la ĉirkaŭaj objektoj, *situacio*, *situo*; rilate al unuj partoj kun aliaj, *pozicio*. Daŭre esti en la sama loko, *resti*. Resti horizontale sur la plej granda supraĵo, *kuŝi*; vertikale sur la plej malgranda, *stari*; vertikale, sed tiamaniere ke la supera parto estu alligita kaj la malsupera estu libera, *pendi*. Pendigi per hoko, per najlo, *kroĉi*. Translokigi ion, igi ke io ne estu en la sama loko, *movi*. Senmova, *inerta*. Senmovigi, alligi, *fiksi*. Stato de senmoveco de korpo sur kiu agas kelkaj fortoj, *ekvilibro*. (Vidu «XXXVIII.—Fizikon»).

Resti senmove vertikale sur la piedoj, *stari*; sur la postaĵo de la korpo, *sidi*; sur la genuoj, *genui*. Stariĝi sur genuoj, *genufleksi*, *ekgenui*. Sidi sur la kalkanoj, *kaŭri*. Resti ĝis iu venos, ĝis io okazos, *atendi*. Konservi en senŝanĝa stato, *teni*. Resti senmova kun speciala teniĝo por esti desegnata, fotografata, *pozi*. Teni sube por ke io ne falu, *subteni*. Kunteniĝanta, *kohera*.

**Movo.**—Doni difinitan lokon al io, *meti*. Meti objekton sur alia por garni ĝin, *kovri*. Kovri per sablo, *ensabligi*. Meti en antaŭan lokon laŭ mala senco, *opozi*, *oponi*. Meti objekton sur alia aŭ ĉe alia por gin senmovigi, *apogi*. Loki objektojn sur unu linio, *enliniigi*. Meti rekten tio, kio estas klinita, *levi*. Per forta m. forigi de la loko malproksimigante al si, *puŝi*; proksimigante, per streĉo de la forto, *tiri*.

Per puŝo transmeti la supran parton de io tien, kie estas la malsupra, *renversi*. Pene, malfacile tiri post si, *treni*.

Strio lasita post si de io trenata, *trenstrio, poststrio*. Tiri aŭ puŝi facile sur glata surfaco, *gliti*. Faciligi la gliton per oleeca substanco, per grafito, akvo, k. a., *glitemigi, lubriki*. Puŝi objekton glitigante ĝin sur la surfaco sur kiu ĝi kuŝas, *ŝovi*. Sur ebeno movi objekton turnante ĝin ĉirkaŭ ĝi mem, *ruli*. Kurbigita fera peco por kiu oni altiras ion, *hoko*. Linio sekvata de la pezocentro de moviĝanta korpo, *trajektorio*.

Movi supren, *levi*. Vivege formovi de si tra la aero, *ĵeti*. Forte kaj rapide sin ĵeti antaŭen, *impeti*. Ĵeti substancon konsistantan el malmolaj ne kunigitaj eroj, *ŝuti*. Transŝuti grenon, karbon, teron, k. s., de unu loko al alia per speciala ilo, *ŝoveli*. Forte antaŭen ĵeti al celo, *lanĉi*. Forte puŝi antaŭen en la senco de la irado, *elanĉi*.

Nerapide kaj egale movi ien kaj returnen, *balanci*. Korpo balanciĝanta ĉirkaŭ fiksita punkto dank' al sia pezo, *pendolo*. Kurbigi, arkformigi, *fleksi*. Fleksi malsupren, *klini*. Movi objekton ĉirkaŭ interna akso, *rotacio*. Rotaciigi fluidaĵon per bastoneto, *kirli*. Akvoturniĝo aŭ ventoturniĝo, *vortico*. Turni korpon per ĝiaj ekstremoj en kontraŭaj direktoj, *tordi*. Delikate movi en la aero tien kaj returnen, *flirti*. Rapide flirtigi, *svingi*. Esti movata tien kaj returnen de rapidaj malgrandaj preskaŭ nerimarkeblaj movoj, *tremi*. Per fortaj movoj ien kaj returnen tremigi ion, *skui*. Forte skui ion por ĝin renversi, *ŝanceli*. Forte skui ion, kiel la ĉashundo la ĉasaton por ĝin mortigi, *taŭzi*. Movi ien kaj returnen premante unu korpon kun alia, *froti*. Froti per ungo, aŭ per akrepinta objekto, *grati*. Forigi partojn de la supraĵo de korpo gratante ĝin, *skrapi*. Purigi korpon per frotado, *viŝi*. Trafi per rapida movo de mano aŭ de objekto havata en la mano, *bati*. Bati kaj produkti mallongan sonon (foje por atentigi iun), *frapi*. Bato de malmola objekto kontraŭ alia, *perkuto*. Turni objekton al la celata loko, *direkti*. Direkti ion ien laŭ unu direkto (tio estas, farante ĝin rektolinia), *etendi*; laŭ du direktoj, *etendi*; laŭ du direktoj, horizontale, *sterni*. Ŝanĝi la direkton, *turni*. Amase sin movi en ĉiuj direktoj, *svarmi*. Malproksimiĝi de la normala pozicio aŭ direkto, *devii*.

Teni senmove aŭ movi kun si objekton metitan en sia mano aŭ sur sia korpo, *porti*. Porti ion transen, de unu loko en alian, *transporti*. Transportigi, *sendi*. Transsendi malproksimen apudapude, *propagi*. Meti sur io pezajn korpojn portotajn, *ŝarĝi*. Peni enigi erojn de korpo, partojn de tuto en pli malvasta spaco, peni pliproksimigi unu la alian, *premi*. Daŭre lokiĝi ie, *okupi*.

Moviĝi likvaĵo malsupren, *flui*. (Movo de la akvo de la maro,

# PAĜOJ POR MIA ESTONTA GRAMATIKO

## FONETIKAĴOJ

Ĉar la fonetiko estas bazo de la ortografio, oni bezonas elkoni la ĉefajn leĝojn, kiujn obeas internaciaj fonemoj, se oni deziras starigi fundamente regulojn por certaj kombinoj de literoj.

Ne sufiĉas scii ĉiujn alfabetajn sonojn ĉe malfermitaj (rektaj) silaboj; ĉar multaj konsonantoj ŝanĝiĝas laŭ ili estas antaŭ aŭ post kungluita vokalo.

Faru provojn.

Proponu al iu ajn persono, kiu ne estas esperantisto (1), ke ĝi legu la sekvantajn kvar vicojn de silaboj, kondiĉe ke vi ne sciu ĉu ĝi legas unue la unuan, la duan, la trian aŭ la kvaran:

| UNUA VICO (malfermitaj silaboj). | DUA VICO (fermitaj silaboj). |
|---|---|
| *pa* | *ab* |
| *fa* | *av* |
| *ta* | *ad* |
| *sa* | *az* |
| *tsa* = *ca* | *adz* |
| *cha* (france) aŭ *xa* (katalune) = *ŝa* | *aj* (france kaj katalune) = *aĵ* |
| *cha* (hispane) aŭ *txa* (kat.) = *ĉa* | *adj* (fr. kaj kat.) = *aĝ* |
| *ka* | *ag* |

| TRIA VICO (mf. s.). | KVARA VICO (f. s.). |
|---|---|
| *ba* | *ap* |
| *va* | *af* |
| *da* | *at* |
| *za* | *as* |
| *dza* | *ats* = *ac* |
| *ja* (fr. kaj kat.) = *ĵa* | *ach* (fr.) (2) aŭ *aix* (kat.) = *aŝ* |
| *dja* (fr. kaj kat.) = *ĝa* | *ach* (hisp.) aŭ *atx* (kat.) = *aĉ* |
| *ga* | *ak* |

Dum tiu persono legas la silabojn, vi skribu ilin.

Kiam vi estos fininta, vi miros, surprizite, vidante ke vi nur trafis

---

(1) Esperantistoj ne taŭgas, ĉar volante komprenigi la aŭskultanton, kia estas la konsonanto, kiu sekvas vokalon, por ke ĝi ne konfuzu *v*-n kun *f*, *g*-n kun *k*..., intence kaj nenature ili pluvibrigas la laringon, kaj sonorigas helpantan vokaleton preskaŭ neperceptebla.

(2) El la franca vorto *acheté*.

la vicojn unuan, trian kaj kvaran, sed tute ne la duan. Nepre vi estos skribinta sammaniere (proksimume) la vicojn duan kaj kvaran.

Kial?

Ni ne povas en tute kaj science klarigi la aferon per tiu ĉi artikoleto.

Ni nur diras, kaj vi mem, kara leganto, povos konstati, ke la vicoj kvara kaj dua estas *fonetike* egalaj, kaj, kompreneble, tial vi *skribos* ilin ankaŭ egalaj.

El tio dirita stariĝas la sekvanta grava fonetika regulo:

I. «Ĉe finaj fermitaj (malrektaj) silaboj, post vokalo nur estas eble *konsonantoj buŝaj*».

Tiu regulo, kaj alia, kiun oni legos sube, postulas la perfektan konon de la ok jenaj paroj de konsonantoj:

| Buŝaj | | Laringaj |
|---|---|---|
| *t* | — | *d* |
| *p* | — | *b* |
| *ŝ* | — | *ĵ* |
| *f* | — | *v* |
| *s* | — | *z* |
| *c* | — | *dz* |
| *ĉ* | — | *ĝ* |
| *k* | — | *g* |

Ceteraj konsonantoj (*j*, *m*, *n*, *r*, *l*, *ŭ*), kiuj ne havas respondajn buŝajn, ne obeas la regulon. Ili povas fermi finajn silabojn. (Ekzemplo: *aj*, *am*, *an*, *ar*, *al*, *aŭ*).

Kiel memorigilon, lernu parkere *tapiŝofisocioĉeko*-n. Tiu ĉi memorigilo estas formita de la vortoj *tapiŝo*, *fi*, *socio* kaj *ĉeko*, kaj ĝiaj konsonantoj estas la tuta aro de la buŝaj.

Por la respondaj laringaj, lernu *dubaĵovazoedziĝigo*-n. Ĝi konsistas el la tri vortoj *dubaĵo*, *vazo* kaj *edziĝigo*.

Nun ni atentu la sekvantajn grupojn de dusilabuloj:

Unua grupo:

*appa*, *apfa*, *apta*, *apsa*, *apca*, *apŝa*, *apĉa*, *apka*;
*afpa*, *affa*, *afta*, *afsa*, *afca*, *afŝa*, *afĉa*, *afka*;
*atpa*, *atfa*, *atta*, *atsa*, *atca*, *atŝa*, *atĉa*, *atka*; k. t. p.

Dua grupo:

*abpa*, *abfa*, *abta*, *absa*, *abca*, *abŝa*, *abĉa*, *abka*;
*avpa*, *avfa*, *avta*, *avsa*, *avca*, *avŝa*, *avĉa*, *avka*;
*adpa*, *adfa*, *adta*, *adsa*, *adca*, *adŝa*, *adĉa*, *adka*; k. t. p.

Kvara grupo:

*abba*, *abva*, *abda*, *abza*, *abdza*, *abĵa*, *abĝa*, *abga*;
*avba*, *avva*, *avda*, *avza*, *avdza*, *avĵa*, *avĝa*, *avga*;
*adba*, *adva*, *adda*, *adza*, *addza*, *adĵa*, *adĝa*, *adga*; k. t. p.

Legigu ilin, kaj vi skribu. Vi trafos la unuan grupon kaj la kvaran, sed tute ne la duan kaj la trian.

Se, anstataŭ la buŝajn parulojn (*t*. *p*. *ŝ*...), ni uzus la buŝajn *ĥ*-n kaj *h*-n, kaj, anstataŭ la parulojn laringajn (*d*, *b*, *ĵ*...), ni uzus la laringajn *j*-n, *m*-n, *n*-n, *r*-n, *l*-n kaj *ŭ*-n, ni atingus la saman rezultaton.

Ekzemplo:

1. *apĥa, apha*; *afĥa, afha*; *atĥa, atha*;...
2. *apja, apma, apna*; *afja, afma, afna*; *ajta, atma, atna*;...
3. *abĥa, abha*; *avĥa, avha*; *adĥa, adha*;...
4. *abja, abma, abna*; *avja, avma, avna*; *adja, adma, adna*;...

La dusilabuloj de la numeroj 1 kaj 4 estas trafeblaj; tiuj de la numeroj 2 kaj 3, tute ne.

Numeroj 1 kaj 3 estas *fonetike* egalaj; numeroj 2 kaj 4 ankaŭ estas egalaj.

Oni nun jam povas konscii, ke stariĝas alia grava fonetika regulo:

II. «Interne de vorto, ĉe fino de silabo, buŝaj konsonantoj nur estas eble antaŭ konsonanto buŝa, kaj la laringaj, antaŭ laringa konsonanto.»

Ni finu avertante, ke ni uzas la vortojn «buŝa» kaj «laringa», laŭ Fruictier, anstataŭ la respondajn «senvoĉa» kaj «voĉa», laŭ Plena Gramatiko de Esperanto.

Venonta artikolo pritraktos la temon «Ortografio kaj Fonetiko».

SAMUEL ROCA I RODÓ

---

## KONGRESO DE ESPERANTO EN BARCELONO

Samideaño: Nia XI[a] Kongreso alproksimiĝas rapide. Okaze de nia Kongreso vi povas profiti la vojaĝon por ĉeesti ankaŭ tiun de K. E. F., kiu okazos en Manresa, de 31[a] de majo ĝis 2[a] de junio, tio estas, tri tagojn antaŭ ol la komenco de nia Kongreso, ĉar H. E. A. prokrastis siajn datojn tiucele. Samideano ne forgesu, ke vi povas pasigi belajn esperantajn tagojn en Katalunujo okaze de ambaŭ Esperanto-Kongresoj. Ne hezitu plu. Ne malkuraĝigu la Lokan Organizon Komitaton de H. E. A.; pensu, ke sen via helpo ĉiuj Esperanto-Kongresoj ne povas plene sukcese. Ŝparu monon por ĉeesti nian Kongreson, aŭ okaze de neebla vojaĝo viaflanke, sendu, por helpi la Kongreson, vian kvinpesetan kotizon kaj aliĝon al la Sekretario de la L. O. Komitato, S-ano. Josefo Anglada, strato Sitjas, 3, Barcelono. Samideano:

ĉu vi restos for el la listo de kongresanoj? Sciu ke H. E. A., jam atingis de la fervojkompanioj la rabaton por la fervojvojaĝoj. Samideanoj: ĉiuj al Barcelona Esp-Kongreso!

KOTIZOJ: Individua aliĝo, 5 ptoj. Por Esp-Grupoj, 10 ptoj. Madridanoj povas pagi sian aliĝon ĉe la sekretariejo de H. E. A., strato Chinchilla, 2, de 6-8 vespere, ĉiutage.

---

## EKSTERLANDA KRONIKO

*Hungarujo.—Konkurso kun gravaj premioj por poetoj kaj arttradukistoj.*—Por ricevi unuarangajn tradukojn de kvar kantoj konataj kaj originalan esperanto-tekston por unu, Literatura Mondo elskribis publikan konkurson kun premioj de svfr. 130,—. La premiitoj estos registritaj inter la tradukontojn kaj verkontojn de la tekstoj de gramofondiskoj, fabrikotaj en granda nombro de grava sveda firmo, kiu siatempe por ĉiu traduko pagos honestan honorarion. La limtago de la konkurso estas 1ª de majo de 1936. Detalojn pri ĝi sendas al ĉiu petanto *senpage* LITERATURA MONDO, Budapest IX. Mester-u. 53. Hungarujo.

* * *

*Nederlando.*—Dum la nunjara Pentekosto okazos en Leeuwarden (ĉefurbo de la provinco Friesland) nederlanda esperanto kongreso laŭ la jena programo: Sabaton, 30ª de majo: oficiala akcepto en la urbodomo, promenado tra la urbo, kaj koncerto en la «Princa Ĝardeno».—Dimanĉon, 31ª de majo: jarkunvenoj, komuna fotografado kaj festvespero.—Lundon, 1ª de junio: aŭtobusekskursoj al arbaroj kaj erikejoj; ankaŭ al Grouw, por enŝipiĝi tie kaj ĉeesti grandan velkonkurson sur la lago, returno per boato kaj fermkunsido.

La provinco Friesland ne estas plu izolita, sed dank' al mondfama mardigo nun estas ligita al provinco Norda-Holando. Do, esperantistoj povas nun facile koni la belajn lagojn de tiu provinco. Pluajn informojn: Fraŭlino Laverman, Molempad, 69, Leeuwarden.

* * *

*Internacia Foiro de Budapest.*—Ĝi okazos de la 8 ĝis la 18ª de la nuna monato. Por ĝin anonci, oni eldonis artajn glumarkojn, kaj faldprospektojn kun tre bela multkolora fasado montranta hungarinon kun nacia kostumo kaj sur la fono pejzaĝon de l' Danubo.

*Danujo.*—Niaj danaj samideanoj daŭrigas sukcese la propagandon de nia lingvo. Okaze de la ferioj de Silkeborg ili organizas dektagan restadon (10ª-19ª julio kaj 22ª-31ª julio) kun prelegoj matene kaj vespere kaj ekskursoj. Petu programon al Kornmod-lernejo, Silkeborg, Danujo.

En Ry, nur kelkaj kilometroj de Silkeborg, okazos kurso de 31ª de julio ĝis 7ª de aŭgusto por ke la kursanoj povu iri al la Kongreso de Vieno. Programon pri Ry petu de Altlernejo-Ry, Ry, Danujo.

Ĉiuj kursoj estos gvidataj de eminentaj prelegantoj, kiuj disponos kvar belegajn lumbildseriojn eldonitajn de Dana Turistunuiĝo. Radio estas ankaŭ propagandilo utiligata: nun kelkaj gravaj danaj gazetoj publikigas la ĉiumonatan esperantan programon, sed espereble de la venonta monato ĉiuj danaj gazetoj publikigos ĝin. Bonvolu peti, almenaŭ per poŝtkarto, esperanto-dissendojn per la dana radio, stacio Kalundborg. Petu ankaŭ de la Turistforening for Danmark, Kopenhago, la esperanto-prospektojn.

* * *

*Japanujo.*—La «Internacia Societo por Virinoj kaj Infanoj» (japane: Kokusai-Sizyo-Sinzen-Kyokai) fondiĝis antaŭ tri jaroj kun la celo komprenigi Japanujon al eksterlandanoj kaj pliprofundigi internacian amikecon pere de la manoj de virinoj kaj infanoj. En la Societo oni starigis Esperanto fakon dum lasta januaro celante: 1-e, korespondado kun samideanaj fraŭlinoj el ĉiu landoj; 2-e, okazigo de esperantaj kursoj, kunvenoj, ekspozicioj, k. t. p.; 3-e, eldono de gazeto, gvidlibroj, k. c., por konigi japanan kulturon; 4-e, gvido kaj helpo de eksterlandaj vizit— ontoj kaj antoj.

En la organo de la dirita societo *Mondo kaj Virinoj* aperas esperanto-paĝoj por lernigi Esperanton. Oni liveras ekzempleron kontraŭ unu respondkupono. Ankaŭ oni akceptas artikolojn pri lerneja vivo, ĉiutaga vivo, moroj kaj kutimoj de knabinoj. (Adreso: F-ino Yukiko Isobe, sekretariino de Kokusai-Sizyo-Sinzen-Kiokai, 7-5, Ginza-Nisi, Kyosabe, Tokio).

Ĝis nun en Japanujo la angla lingvo estas rigardata kiel unua fremdlingvo por lernantoj. Sed de aprilo de 1935ª, kiam nova lernjaro komencis, oni enkondukis en la Sesa Knabina Liceo en Tokio Esperanton kiel regulan lecionon por la unua-jaraj lernantoj, anstataŭ la angla lingvo; la lernantinoj multe progresis kaj eĉ ludis tratraĵeton je la okazo de la lastjara Zamenhofa tago. Bonvolu kuraĝigi la gvidanton kaj lernantinojn per alsendo de leteroj, poŝtkartoj kaj esperantaĵoj (libroj, gazetoj, glumarkoj, k. c.); adreso: S-ro Yosi H. Isiguro, Huritu Dai, 6, Kôtô-Zyogakko, Siba, Tokio.

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

BROŜUROJ.—*Libervola Civila Helpservo Internacia,* eldonata de la samnoma asocio (sekretariejo: 6, Klaraweg, Bern, Svisujo), kies celo estas:

a) Alporti materian helpon post malfeliĉegoj kaj por plenumi laborojn de publika utilo, sed evitante ĉiun entreprenon, kiu konkurus kun la ordinara manlaboro aŭ celus rompi strikon;

b) Krei inter la popoloj per interhelpado novan spiriton, kiu morale igus neebla atakon de popolo al popolo, ĉar la najbaroj estus ĉiuj amikoj. La fina celo estas akiri la anstataŭon de la naciaj militaj servoj per internacia civila servo;

c) Krei por bonvolemaj viroj kaj virinoj seriozan lerntempon de interhelpo, libervola disciplino kaj kamaradeco.

La broŝuro (kun 16 paĝoj de teksto kaj kvar de belaj fotoj) enhavas interesajn artikolojn kaj informojn pri servoj faritaj en Francujo, Britujo, Svisujo, k. c. Ĝi estas havebla ĉe la sekretariejo kontraŭ respondkupono.

* * *

*Kudlago, la malgranda eskimo.*—De N. van Hichtum. El la holanda lingvo tradukis S. D. Mannoury. Eld. Soc. Esperanto, Stockholm. 40 paĝ. Prezo: 0'75 sved. kr.

Jen libreto por novuloj kaj junuloj, kiun ili kun ĝojo kaj utilo legos. La simpla, reala rakonto pri la simpatia eskima bubo Kudlago vekos nian simpation por li kaj lia popolo. La leganto ekscias multon pri la vivado kaj moroj ĉe la eskimoj, ni vidas kiel Kudlago ĉasas fokojn kaj ursojn, kiel li kaj lia patro konstruas boaton kaj sledon, kiel ili batalas kontraŭ neĝo kaj glacio, frosto kaj ŝtormo, sed ankaŭ kiel ili kun siaj najbaroj ĝojas kaj festas.

Tamen — brile la verkisto pentras la amon kiun havas la eskimoj al sia, laŭ nia opinio malagrabla, lando. Kudlago ne volas forlasi ĝin por veturo al pli sudaj landoj, ĉar li ne volas malhavi la ĝojon, kiun donas al li ĉasado, aŭ la frandaĵon, kiun reprezentas la graso de ĵus kaptita foko.

La lingvaĵo estas glata, kaj oni plene povas rekomendi la libron al komencantoj kiel ankaŭ al pli lertaj esperantistoj, kiuj deziras sin distri per legado de interesa rakonto.

La kovrilo prezentas tutpaĝan originalan bildon de la malgranda Kudlago kaptanta fiŝojn.

# ANEKDOTOJ

Malgrandstatura vartistino pretendas dungiĝi ĉe familia hejmo, por varti infanojn.

—Ne, vi ne taŭgas al mi, ĉar vi estas malalta, diras la mastrino.

—Des pli bone, respondas tuj la vartistino, tiel, kiam la infano falos de mi, ĝi suferos malpli da doloro.

—o—

Laboristo ankaŭ pretendas dungiĝi ĉe ia laborejo, kaj parolas kun la mastro, kiu diras al li:

—Mi bedaŭras multe ne povi helpi vin, ĉar mi ja havas malmulte da laboro.

—Tio ne gravas, respondas la pretendanto, mi ja estas kutimata labori tre malmulte.

---

# —o—o— IO EL ĈIO —o—o—

## *KISOJ KAJ MANPREMOJ*

Kelkaj gesamideanoj, fininte la kunvenon de ia esperantista klubo, sin adiaŭis. Ĉiu el ili manpremis ĉiun el la ceteraj; entute kvardek kvin manpremoj. Plie, ĉiu knabino donis du kisojn al ĉiu el la ceteraj knabinoj; entute okdek kvar kisoj. Kiom da geesperantistoj estis, kaj el ili, kiom da knabinoj?

* * *

## *LA PREFIKSOJ*

Re . a . . . — Kiu tion faras, penas ripeti nenion.
Ek . e . . . . — Ne komenci, sed finiĝi.
Dis . i . . . . . — Ĝi taŭgas por kuniĝi.
Mal . o . . — Ĝi ne havas kontraŭon.
Bo . u . . — Ĝi ne havas parencojn.

*(La solvoj, sur la venonta numero.)*

* * *

## *SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO*

*La propagandiloj.—*

| | | |
|---|---|---|
| | 15 folioj po 5 centimoj la duo........... | 37'5 |
| | 3 broŝuroj po 20 centimoj.............. | 60'0 |
| | 2 glumarkoj po 5 centimoj la kvaro...... | 2'5 |
| En tute: | 20 propagandiloj ......................... | 100'0 |

Tiu-ĉi problemo nur havas unu solvon.
*Kia estas proksimume la aĝo de tiuj personoj?*



* * *

## *DEZIRAS KORESPONDI...*

—S-ro Walter Liedman (Björnshög, Bostad, Svedujo), kun hispan(in)o per poŝtkartoj.

* * *

## *KATALUNA LIGO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ*

No disponemos de suficiente original para completar las dos planas reservadas a esta Asociación, y con objeto de no retrasar la salida del presente número aplazamos la publicación de dicho original hasta el número próximo, en el que, en compensación, reservaremos cuatro páginas a dicha entidad.

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL.—Torrecilla del Leal, 17 - Teléfono 71926